# "BOLETIN" BULTENO DE HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO

Centra Oficejo: c/Rodriguez de San Pedro, 13.-3º.-P-7. 28015 MADRID.-
*** *** ***

Prezidanto:
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780-SANTIAGO DE COMPOSTELA.
***
Sekretario:
Manuel López Hernández
Apartado 369
E-41080-SEVILLA (Hispanio)
***
Vicprezidanto:
Alberto Franco Ramirez
***
Vicsekretario:
Luis Gil Pérez

***
Estrarano pri Kontado.
Kasisto: José Mª BERNABEU FRANCO
Gral. Primo de Rivera, 6
03360-CALLOSA DE SEGURA, aú sendu pagojn al Ctta Ahorro nº 83100-272 de Hispana Esperanto Federacio en Banco Español de Crédito en CALLOSA DE SEGURA (Alicante). Hispanio.
***
Libro-Servo de HEF:
Luis Hernández Garcia
Apartado 119
47080-VALLADOLID.(Hispanio)
***
"Fundacio Esperanto de HEF"
Sekretariino: Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35.4º
50001-ZARAGOZA (Hispanio)
***
Junulara Sekcio (HEJS)
Prezidanto: Iñaki GAUNA
Domingo Beltran, 42.-4º.D.
01012-GASTEIZ-VITORIA

Ĉef-Redaktoro:
Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe,27/29.-9º.-C.
E-50002 ZARAGOZA (Hispanio)
***
Redaktoroj kaj kunlaborantoj:
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz

---

Enhavo: Pĝ.



---

Kovrilo: La Laguna, urbo kie okazos la 51a HEF-Kongreso dum Julio 1991.

---

NOTO.- Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# LA LAGUNA INVITAS VIN!

Geamikoj: kiel sciate, venontan Julion oni festegos ĉi tie, en La Laguna (Tenerife) la "51an HEF Hispanan Kongreson de Esperanto".

Kerno de ĝi estos la Internacia Omaĝo al nia karega majstro Prof. Juan Régulo Pérez, monde konata kaj pri kiu, ĉi tie, ni nenion bezonas aldoni.

Ni ne nur esperas, sed atendas novaĵojn pri nombra partopreno de nacie kaj internacie elstaraj esperantistoj, ankaŭ el universitata areo.

Estas nia tasko kaj nia defio, atingi sukcesan kongreson per la ĝenerala aktiva, agema kaj optimisma partoprenado


de vi ĉiuj. Tio estos, sendube, estonta fiereco por la hispana esperantistaro. Certe, ke ni estas malmultaj, sed ni havas grandegan emon agi por tiu Kongreso, kaj ni ne retroiros antaŭ malfacilaĵoj, ĉar vi, eksterlandanoj, meritas la plej bonan kaj estas nia deziro, ke la 51a,HEF Hispana Esperanto-Kongreso estu modelo pro ĝia literatura, arta kaj homaranisma nivelo. Nu, ankaŭ pro la elstaraj personoj kiujn ni jam atendas.




Bonvenon al Kanariaj Insuloj!. Ni bonvenigas vin al La Laguna. Koregaj kaj dankemaj ni estos al vi pro via neforgesebla vizito.Per la dokumentaro vi ricevos malgrandan informon pri niaj insuloj, tiel malproksimaj...sed nur je 2,5 horoj de Madrido aŭ Barcelono. Tio estas malpli da tempo ol la bezonata por veturi de Barcelono ĝis Madrido, aŭ inverse.

Ni prezentos al vi nian landon. La prezentotaj poezioj estas tute neŭtralaj. Ne temas pri politiko. Temas pri nia inklino. La inklino de la kanarianoj. Insula kaj izoleca inklino. Ni mencias, ke antaŭ ol mondanoj, eŭropanoj, hispanoj, kanarianoj, aŭ eĉ Tenerifanoj ni estas homoj kies patrolando estas nur Naturo: La 4 klasikaj elementoj: Fajro, Tero, Akvo kaj Aero. Jes. Tiuj, kune, estas nia patrujo. Niaj insuloj estis faritaj el fajro, tero kaj akvo. Poste la aero alportis semojn por plantoj kaj ankaŭ birdojn.

*Per akvo alvenis fiŝoj kaj aliaj bestoj. Tiamaniere niaj praloĝintoj trovis ĉion kion ili bezonis por vivi, feliĉe kaj daŭre.*

*La kanaria matematikisto Nikolas' Estévanez y Murfi verkis siatempe:*

*Mia patrolando ne estas la mondo*
*mia patrolando ne estas Eŭropo*
*mia patrolando estas de migdalarbo*
*la dolĉa, freŝa, neforgesebla ombro.*

*Eble vi iam aŭdis pri sendependaj inklinoj. Ne timu pri tio. Nia inklino estas insula, plaĉas al ni izoleco, paco,amo.Eble de ĉiam ni estis esperantistoj:*

*La sango de miaj vejnoj*
*ne gravas, de kiu devenas,*
*egale ĉu de gotaj rasoj,*
*egiptaj aŭ rasoj keltaj.*

*Mia spirito insulas*
*kiel mia patruja rokar'*
*do, mi pro tio, travivas*
*ĝis ilin inundos la mar'.*

*Nia vetero estas ĉiam milda. La varmo preskaŭ neniam troaltiĝas, ĉar alizeaj ventoj rolas kiel aer-malvarmigilo por niaj insuloj. Ĉi tie la Naturo estas speciale foliriĉa kaj verda... kaj ankaŭ, aliloke, akra, okra, ruĝŝtona, sabla,varma,malvarma, lafa kaj neĝa, ĉio samtempe!*

*La Zamenhofa "Senkorpa Fortego Mistera" faris Tenerifon belega resumo de tuta sia Kreaĵo: De paradizaj pejzaĝoj el vespera La Laguno aŭ Valo de la Orotava, ĝis la inferaj lokoj "Las Cañadas" aŭ "Tejdenazoj", la Valo de "Ucanca" kaj la mirindaj kaj nepriskribeblaj vilaĝoj "Taganana" aŭ Masca".Apud tiuj belaj lokoj kiuj ĉion entenas, troviĝas vilaĝo nomata ĝuste ĈIO.*

*For en la maro situas la insulo La Gomera. Ĉiaj viroj estas fame agemuloj. Iu vilaĝo tie estas nomata AGULO(ulo kiu agas).*

*Same ol pri niaj pejzaĝoj, niaj virinoj ankaŭ estas monde konataj pro sia beleco. Ili ŝajnas tro trankvilaj, sed popola kanzono diras:*

*Ĉiuj kanariinoj estas*
*kiel la Teide giganta:*
*neĝo kovras la vizaĝon*
*sed la koro estas varma.*

*Eble al vi plaĉus scii iom pli pri niaj kutimoj kaj moroj, niaj tipaj manĝaĵoj, muziko, ktp. Ni nur diras:"Ĉio eblas". Se vi restos iom pli longe ol la ĝustan tempon de la kongreso (antaŭ aŭ post ĝi) eble vi atingos impresegan ideon pri ni.*

*Ni klopodos por feliĉigi vin dum tiuj tagoj, por vidi vin kontentajn. Tio por ni estos la plej bela pago por niaj streboj kaj penadoj. Ni estus pli ol feliĉaj vidante, alifoje kunigita, nian bonan, belan kaj karegan familion.*

*Multajn aliajn aferojn ni ŝatus aldoni, sed permesu al ni ke ni lasos al vi malkovri ilin dum tiuj tagoj. Feliĉan restadon!. Koran dankon al ĉiuj. Ni vidos vin, kaj reciproke, dum Julio! Ĝis la!*

*F.J.Dávila Dorta .-*
*- Prezidanto de OKK.*

***** ***** *****




## OKK DE LA 51ª HEF-KONGRESO

*HONORA PREZIDANTO:*

*Dro. JUAN REGULO PEREZ*

| | |
|---|---|
| *Prezidanto:* | *Fco. José DAVILA DORTA* |
| *Kasisto:* | *Antonio BENITEZ HERNANDEZ* |
| *Ĝeneralaj Aferoj :* | *Antonio L.TRUJILLO CASAÑAS* |
| *Informoj pri Loĝado:* | *José PALMERO PEREZ* |
| *Voĉdonantoj : 1ª . . .* | *Aurelio SOLIS PI* |
| *" : 2ª . . .* | *Isabel PERDOMO-MACHIN* |
| *" : 3ª . . .* | *Antonio SUAREZ RODRIGUEZ* |
| *" : 4ª . . .* | *Juan MARTIN HERNANDEZ* |
| *" : 5ª . . .* | *Jorge GARCIA de la CUESTA* |

*ESPERANTISTA SOCIETO DE TENERIFE;Apartado,53.LA LAGUNA (Tenerife)*

# JARABONOJ KAJ KOTIZOJ

"BOLETIN" organo de HEF. Dumonata (escepte dum somero).

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto . . . . . . . . . . . . . . | 1.700 .- Ptojn. |
| Emerito, junulo, senlaborulo . . . . . . | 1.200 .- Ptojn. |
| Asocio aú Grupo . . . . . . . . . . . . . . | 3.400 ,- " |

Ni rekomendas la monsendontojn uzi la poŝtĝiron kaj nur kiel lasta rimedo la bankĉekon. Sendu vian pagon,al la kasisto José Mª Bernabeu Franco;Gral. Primo de Rivera,6.-03360-CALLOSA DE SEGURA (Alicante) aú: Ctta. de Ahorro nº 83100- 272 de Hispana Esperanto-Federacio en Banco Español de Crédito de Callosa de Segura (Alicante).

***** ***** *****

"ESPERANTO" organo de UEA.-

| | | |
|---|---|---|
| Abono revuo "Esperanto" sen membreco . . . . . . | 2.070, | Ptojn |
| Membro kun gvidlibro . . . . . . . . . . . . . . | 550, | " |
| Membro kun jarlibro . . . . . . . . . . . . . . | 1.380, | " * |
| Membro-abonanto . . . . . . . . . . . . . . | 3.450, | " * |
| Abono revuo "Kontakto" . . . . . . . . . . . . . . | 1.040, | " |
| Kotizo Societo "Zamenhof" . . . . . . . . . . . . | 6.900, | " |
| Abono 10 numeroj al "Esperanto-dokumentoj" . . . | 1.725, | " |
| Abono magazino "Monato" . . . . . . . . . . . . . | 2.950, | " |
| Abono revuo "Literatura Foiro" . . . . . . . . . . | 3.100, | " |

(*) Junuloj malpli ol 26-jaraj, sen plia pago ricevas la revuon "Kontakto". Nepre bezonatas naskiĝdaton.
Peranto: Juan Azcuenaga Vierna; Gral.Dávila,127,p.7.-2º izq. E-39007-SANTANDER (Cantabria).Bankkonto en Caja Postal, Ctta. nº 04548531 (O.P.).

***** ***** *****

"HEROLDO DE ESPERANTO", sendependa gazeto.

| | |
|---|---|
| Jarabono . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.800, Ptojn. |
| "La Internaciisto" kun membreco IKEK . . . | 1.500, " |

Peranto: Luis Serrano Pérez;Font Nova, 32.-08202-SABADELL.(Hisp

***** ***** *****

'ESPERO KATOLIKA",organo de IKUE.

Jarabono . . . . . . . . . . . . . . . . 2.400,- Ptojn
Peranto: P.Manuel Casnoves Casals; C/ Sant Antoni Mª Claret,8 E-08500 VIC (Barcelona).

***** ***** *****

## JARABONOJ KAJ KOTIZOJ.-

### "EL POPOLA ĈINIO".-

Atentu la novajn prezojn de tiu ĉi bela ilustrita gazeto:

1 jaro: 1550 Ptojn.-2 jaroj: 2500 Ptojn.- 3 jaroj: 3500 Ptojn
Bonv. sendi la monon ne per bankĉeko, prefere per poŝtĝiro,aŭ rekte al la konto nº 2038.1828-600 de "Caja Madrid", Zona Ind. Aerp. Barajas. 28042-MADRID.
Peranto:Félix Gómez Martín;C/Corbeta,8.-5º A.E-28042-MADRID.

***** ***** *****

### "SENNACIULO", ĉiumonata organo de SAT.

| | |
|---|---|
| Jarabono kun membreco . . . . . . . . . . . | 2.200,Ptojn. |
| Emeritoj . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.650, " |
| Familiano, junulo, senlaborulo . . . . . | 1.100, " |
| Nur "Sennaciulo" . . . . . . . . . . . . . | 1.750, " |
| "Sennacieca Revuo",jarabono . . . . . . . . | 450, " |

### "KAJEROJ EL LA SUDO" trimonata organo de HALE.

| | |
|---|---|
| Jarabono . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 800,- Ptojn. |
| Minimumo por HALE-membroj . . . . . . . . . | 500,- " |

Peranto: Ramon Manau Torres;C/Montseny, 5, piso.08208-SABADEL

***** ***** *****

### "JUNA AMIKO", trimonata bulteno.

Raportoj interesaj pri junularaj temoj. Jarabono...500 Ptojn.
Peranto: Grupo Esperantista de Alquerias; Cº de Carcanox,4 E-30580-ALQUERIAS (Murcia). Bonvolu sendi la monon ĉu per poŝtĝiro aŭ rekte al la konto nº 3300 00662-4 de CAJAMURCIA 30580-Alquerias (Murcia).

***** ***** *****

### EFIKA PROPAGANDO ESPERANTISTA.-

Barcelona Esperanto-Centro lanĉis la kampanjon "ESPERANTA LIBRO EN ĈIU BIBLIOTEKO. Esence, ni donacos en la unua etapo 100 ekzemplerojn de la verko "Esperanto en prospektivo" kaj en la dua etapo, aliajn 100 ekzemplerojn de "La homa vivaventuro", ambaŭ de la verkisto Giordano Moya. Bonvolu sendi al nia sidejo: Barcelona Esperanto-Centro; Carreras i Candi, 34/36. 08028-BARCELONA, la adresojn de la plej gravaj bibliotekoj de via urbo, kaj senpage,ni tuj sendos la librojn al la bibliotekoj, kiujn vi elektis. Antaŭdankon!

Gratulon al la iniciatintoj!

# Belaĵoj el Hispanio



LAGO DE BANYOLES.-

Jen unu el la plej belaj pejzaĝoj de Hispanujo: la lago de Banyoles en la provinco Girona. Ĝi estas la plej granda el nia lando, ovalforma, 2208 m. longa, 774 m. larĝa kaj ĝia profundeco atingas 60 metrojn. La lago sin nutras el akvo devenanta de la rojo Llierca, de Oix, kaj penetranta en la subteron ĝis ĝi atingas la fundon de la lago. Oni konstatis, ke dum la kvaternara epoko tiu ĉi lago estis atentinde pli granda kaj oni rakontas ke en ĝi ekzistas monstro, tamen neniu vidis ĝin.

Ĉar ĝin ĉirkaŭas verdaj montoj, kie abundas la pinoj, sen timo erari oni povas aserti, ke ĝia tuto estas unu el la plej allogaj mirindaĵoj kaj juveloj de nia enlanda naturo.

Por la amantoj de la remado, la lago de Banyoles havos specialan intereson, ĉar sur ĝi okazos tiu parto de la Olimpikaj Ludoj-92 pri remado kaj aliaj surakvaj sportoj.

Luis Serrano Pérez.

# Ĉu pensi estas fatala manio?

Estas sciate ke la homa amaso malestimas tiujn kiuj cerbumas kaj meditas pri sia ĉirkaŭanta mondo kaj pri si mem, konsideratajn danĝeruloj, ĉar ili ne nur ne akceptas la realon sed male serĉas novajn vojojn pri la kompreno de la universo kaj de la homaj rilatoj. Memoru tiurilate la faman citon de Descartes:"mi pensas, sekve mi ekzistas".

Bedaŭrinde, la kontraŭuloj ne kutimas uzi idealajn


armilojn por defendi siajn vidpunktojn kaj ne malofte ili reagas perforte. Sendube, ili nur intencas venki, ne konvinki.



Eble, kaŭze de tia malfavora etoso kaj de nia eduka sistemo pri intelekta laboro, la plimulto el la homoj rezignas pensi mem kaj propravole kredus nur, ke jam estas dirita la lasta vorto pri ĉio. Nekredeble, la homoj travivas defendante kaj atakante fremdan dogmaron kaj eĉ akceptas pagi la sekvojn kvazaŭ tiuj ĉi estus propraj al ili. Ili estas la tipaj fanatikuloj kiuj agas kiel posedantoj de la nura vero.

Por subteni sian stabilecon la socio kreas organizojn kiel eble plej grandajn (religiajn, sindikatajn, militistajn, politikajn, ktp.). En tiuj organizoj nur la ĉefoj pensas kaj decidas kion fari. La ceteraj konsentas obei kaj konservas la idearon neŝanĝebla.

Tiu sinteno baziĝas sur diversaj faktoroj.Unuflanke la homoj agadas laŭ la leĝo de minimuma peno; tiusence obei estas eviti la doloriĝan pensadon; aliflanke por komuna homo estas multe pli maldanĝere erari kune ol malerari en soleco; tio garantias tiun sekurecon kiun ĉiuj bezonas. Finfine, la organizoj rekompensas pli malavare obeon ol kritikon.

Tiu vivmaniero estis akre esprimita de iama rektoro de universitato Cervera, kiam li diris al reĝo Ferdinando la Sepa:"For de ni la fatalan manion pensi". Sed kiuj elektas tiun komfortan vojon, tiuj forlasas la plej noblan fakulton kiu diferencigas la personon de la aliaj animaloj; tiun kiu

faras nin la plej altaj estuloj el la kreitaro. Ili elektas, konscie aú nekonscie, esti servutuloj anstataú veraj homoj.

Mi kuraĝas kredi, ke la esperantistaro ne timas uzi la menson por akiri propran bildon de la vivo kaj de la mondo. Kaj pro tio, ke ni ne akceptas la mondon tian, kia ĝi estas, ni klopodas ŝanĝi ĝin por fari ĝin pli bona. Ni konsideras, ke la baroj inter la homoj kaj popoloj ne estos eternaj, kontraúe, ke ili ekbruos, ke ili ekkrakos por enlasi novan homaron pli justan, pli racian, pli solidaran. Unuvorte, ni pensas ke Esperanto estas bona novaĵo kiu pro tio pli aú malpli baldaú prenos sur sin la rolon kiun antaúvidis la kreinto, la bonfaranta Zamenhof. Dank' al tiu kredo, ni levas la flagon de nia idealo nelaciĝante sed sen fanatikeco kaj sen maltoleremo.

Pio Moa Banga

*****　　　　*****　　　　*****



*FELIĈAN NOVAN JARON 1991an!!*

*La Prezidanto kaj estraro de HEF same kiel la Redakcio de "BOLETIN" esprimas al vi, kara leganto kaj amiko, niajn plej sincerajn bondezirojn por vi kaj via familio okaze de la nova jaro. Kun sama fervoro ni deziras al vi ĉiuj, sukceson en nia por-Esperanta agado. Feliĉan Jaron 1991an!!!*

*****　　　　*****　　　　*****

*Zaragozo.- Kunveno de la estraro de HEF.*

*La 15an de Decembro okazis en la citita aragona urbo, kunsido de la HEF-estraro en la sidejo de la Centro "Frateco". Dum la tuta mateno de la indikita tago oni studis kaj diskutadis la plej gravajn problemojn de nia Federacio.*

*Posttagmeze, la Prezidanto de HEF kaj la koncernaj respondeculoj de "Fundación Esperanto" kunsidis en la sidejo de tiu ĉi institucio por decidi pri densa tagordo, pri kiu ni oportune informos niajn legantojn.*

*La Redakcio.*

# NAIVECO

Hodiaŭ estas tre atentinde tiel internacie kiel nacie, la Movada situacio, kaŭze de du gravegaj faktoj: unuflanke, la disfalo de la diktatoraj komunismaj registaroj en la oriento de Eŭropo kaj, aliflanke, la ankoraŭ "anĝela" revemo de sennombraj esperantistoj loĝantaj en Okcidento. Feliĉe, kuraĝaj kaj inteligentaj homoj profitas la okazon por radikigi definitive Esperanton en siajn sociojn fronte al la miskompreno de siaj kunuloj.

Malgraŭ ke la nuna politika momento de la orientaj landoj de Eŭropo evidente favoras la praktikadon de la libereco kaj, krome, en nia Movado ĉiam blovis ventetoj emaj al la disfalo de muroj disigantaj la homojn, oni konsentu pri du gravaĵoj: 1) la influo de Esperanto en la disfalo de tiuj muroj estis, lastatempe, minimuma, kaj 2): la ebleco malaperi la Movado en la ĝis nun komunismaj landoj ŝanĝiĝos rapide en realon se la tieaj Esperantaj Asocioj ne reagas akorde kun principoj, de ekonomia kaj socia efikeco, regantaj en la kapitalismaj landoj. Tion scias tre bone elstaraj esperantistoj apartenantaj al tiuj landoj kaj jam pretas organizi sin akorde kun la novaj tempoj. Ili konscias, ke, escepte de kazoj kiel ekz. Rumanio kaj Albanio, la ŝtata helpo grave kontribuis al la evoluo de la Movado en siaj landoj, ke kontraŭ tiu helpo la registaroj postulis la rekonon de siaj reĝimoj kaj ke hodiaŭ iliajn politikistojn pli interesas la politika kaj ekonomia helpo de la okcidentaj landoj ol la popola apogo devenanta de la Movado. Feliĉe, niaj samideanoj klopodas purigi siajn asociojn je senkapabluloj okupintaj postenojn nur, aŭ pleje, pro politikaj interesoj. Miaopinie tia agadsinteno tute taŭgas, eĉ nepras, en tiuj landoj.

Dume, kio okazas en Okcidento? Tute simple, nombraj asocioj kaj grupoj obstinas en socie senefika agado kaj vegetas. Ili opinias, ke la homoj devas akcepti Esperanton, ne nur kiel helpan lingvon sed kiel unu-nuran helpan lingvon en la mondo, pro dekreto, pro la boneco de ĉi tiu interhoma komunikilo. Kaj okazas ke, dum ili postulas, ke la ceteruloj investu kapitalojn en la aplikado de Esperanto, nek unu fingron ili movas cele al reala pruvado kiu konvinkus la entreprenistojn tiurilate. Memvideble, tiu agadmaniero malutilas al ĉiuj kaj estas kompatinda. Malgraŭ tio kaj feliĉe, hodiaŭ, tie kaj tie, aperas izolululoj kaj organizoj kun tre interesaj kaj esperigaj iniciatoj. Ili klopodas pri la plenumo de siaj celoj, atingas veran rekonon de neesperantistoj kaj sukcesas. La aliaj surpriziĝas pro tio kaj malvolonte akceptas, ke per Esperanto iu profitas grave, klerece kaj ekonomie. La faktoj, tamen, laŭteparolas kaj pruvas ke, ĉifoje "utopio" ŝanĝiĝas en realon.

.-...

En la sciencoj.-

Krom en la prilingva kaj altvalora revuo "Lingvaj problemoj", Lingva planado", pritaksanta lingvajn problemojn el sociologia, politika, ekonomia, ktp. vidpunktoj, UEA partoprenas rekte en fakaj konferencoj pri esperantologio kaj interlingvistiko, en seminarioj pri terminologio, kaj ene mem de tiu universala asocio funkcias(1), kiel sciate, propra lingva akademio. Flanke de UEA, aliaj organizoj, kiel ISAE (Internacia Scienca Akademio Esperantista), TAKIS (Tutmonda Asocio pri Kibernetiko, Informadiko kaj Sistemiko), Internacia Scienca Akademio Comenius, Akademia Centro Interlingvistika, AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj) kaj -sub la aŭspicioj de Academia Sinica, STEA (Sciencista kaj Teknikista Esperanto-Asocio), organizas kaj plenumas prilingvajn seminariojn, simpoziojn kaj konferencojn. Ekzemple: en septembro, 1990a, AIS havis tri Sesiojn sinsekvajn en San Marino, Proprad kaj Bjalistok; STEA, tri Internaciajn Konferencojn en 1986, 1988 kaj 1990, respektive, en kiuj la ununura laborlingvo estis Esperanto; BSO, nederlanda entrepreno plenumas la Projekton DLT (Distribuita Lingvo Tradukado), perkomputila tradukistemo kies ponta lingvo estas Esperanto; TAKIS aranĝas, ekde 1982 siajn famajn "Interkibernetic" pri Kibernetiko, Informadiko kaj Sistemiko...Ja, Internacia Esperanto-Komunumo rajtas fieri pro tiaj okazintaĵoj, ne kontentiĝi ĉar la tasko estas grandega kaj neniam finiĝos. Tiaj atingoj konsistigas veran kuraĝigilon por respondaj samideanoj.

En Turismo.-

Grava rolo tiu de MT (Monda Turismo) en Esperantujo, kaj gravega tiu de ESPERANTOTUR, ĝia Turisma Servo, kiel pruvas ĉi tiuj donitaĵoj rilataj al ESPERANTOTUR en la jaro 1989a:-Oficejoj (20-2-90) en Bjalistoko, Bydgoszcz, Krakovo, Plock, Swidnica, Torun, Varsovio kaj Vroclavo.
-Vojaĝagentejoj kaj aliaj organizoj konstante kunlaborantaj kun Esperantotur: 50 en Eŭropo, Azio kaj Ameriko.
-Netaj enspezoj: 170 milionoj da zlotoj.
-Celitaj landoj de la vojaĝoj: 22.
-Landoj vizititaj transite: 7.
Kompare kun la antaŭa jaro (t.e. 1988) la nombro de turistoj preskaŭ duobliĝis. Fine de la jaro 1989a, laŭ Raporto de Esperantotur, laboris ĉirkaŭ 80 dungitaj geoficistoj -duono en la direkcio, duono en la regionaj oficejoj. Konstante kunlaboris kun la buroo 350 diplomitaj Esperantistaj vojaĝgvidantoj, kaj proksimume sama nombro de Esperanto-instruantoj, kiuj ankoraŭ ne diplomiĝis kiel vojaĝgvidantoj.

Kion oni aldonu? Miaflanke, jenan malgrandan komentarion: Socio estimas personojn kaj programojn el kiuj elvenas mono kaj kulturo. Socio ŝatas Espe-

rantajn organizojn se per ilia agado oni atingas monon kaj kulturon. Hodiaú, la Movado sukcesas en la scienca kaj turisma kampoj, kiam oni agadas en ili serioze kaj respondece. Do, kion atendas la hispanaj Esperantaj Asocioj por agadi dece? Ĝis kiam la kompatinda naiveco de tiom da revemaj kaj malagemaj esperantistoj? Ke ili definitive komprenu ĉi tiun realon: LA ESTONTO DE ESPERANTO DEPENDAS DE APLIKADO; SE ESPERANTAJ ORGANIZOJ NE PROFITAS OKAZOJN GAJNI MONON KAJ KLERECAN PRESTIĜON PER ESPERANTO, LA MOVADO STAGNAS KAJ MALFORTIĜAS.

Andrés Martín González

Noto de la Redakcio.-
(1) La Akademio funkcias ekster ĉiu Asocio,kaj UEA nun ne ĉiam publikigas Akademiajn decidojn!.

***** ***** *****

# Lingva angulo. Laŭ:

Ĉar ĝi estas prepozicio, oni uzas ĝin antaú sustantivoj. La P.I.V. prezentas ekzemplojn precipe Zamenhofajn: Danci laú ies fajfilo. Fali laú sia tuta longeco. Laú via mono mezuru la veston. Laú la frukto oni ekkonas la arbon,ktp.

La frazoj hispanaj:

1) Según se dice.
2) Según se supone.
3) Según pasa el tiempo.
4) Según afirmó el ministro.
5) Según acordamos.

Estas en Esperanto:

1) Laúdire, laú onidiroj.
2) Laúsupozo, laú ies supozo.
3) Laú la tempopaso.
4) Kiel asertis la ministro.
5) Laú nia interkonsento aú
laú tio, kion ni interkonsentis.

Salvador Gumá.

***** ***** *****

# Viglas la movado



Al nia Redaktejo venis novajoj pri la komenco de Esperanto-kursoj en multaj hispanaj urboj: en Madrido, Barcelono, Valencio, Santander, Seviljo, Murcio.
En Torrelavega post la fondo de Esperanta Grupo, la kursojn gvidas José Mª Cortina kaj Enrique Ferrer; en Mérida la kursgvidanto estas S-ro Cabezas; en Badajoz samideano José González instruas pli ol duoncenton da lernantoj, inter ili pluraj profesoroj de EGB kaj 24 gelernantoj de sama kariero; en Zaragozo samideano Antonio Valen gvidas kurson de Esperanto en Instituto pri EGB; en Pamplono, en la "Domo de la Junularo" gvidas kurson nia amiko Lorenzo Noguero, kaj la listo pri novaj kursoj plilongiĝas kiam ni finas la redaktadon de tiu ĉi numero de "Boletin" je la komenco de 1991.

Oni sciigis nin ankaŭ pri la celebrado de la Zamenhofa Tago en grandaj kaj malgrandaj urboj de Hispanio. En la kolektivaj esperantistaj kunmanĝadoj ne mankis tostoj kaj aliaj ĝojesprimoj. Konkrete en Zaragozo, la junuloj kantis en la restoracio post la vespermanĝo la tipajn aragonajn ĥotojn, paralele en Esperanto kaj en la antikva aragona lingvoj, en tute agrabla etoso.!

***** ***** *****

Valencio.-Junulara Iberia Tendaro.

En la kampadejo "El Saler" (tre proksima al la urbo Valencio), okazos de la 28a de Marto ĝis la 1ª de Aprilo 1991 grava junulara renkontiĝo, organizata de la junularoj de Valencio kaj Murcio. La celo estas kunordigi la esperantistan aktivadon de la junularoj de la diversaj iberiaj regionoj/landoj.

Bonvolu sendi viajn aliĝilojn aŭ peti informojn al: "JUNA SUNO", Gran Via Fernando el Católico, 45.-3º. E-46008 Valencia.

***** ***** *****

Oaxaka. Meksikio.-

Kun granda plezuro ni legis leteron de P.Claramunt, tiel ofte menciita en la verko "Analoj" kiel fervora batalanto por nia afero dum longa periodo en Katalunio (1964-1980) kaj nun

loĝanta en Meksikio. P.José Mª Claramunt kune kun P.Ignasi Peguera (tie nomata pastro Naĉo) malvolvas tie tre efikan aktivadon instruante kaj disvastigante la lingvon kaj idealon esperantistajn. Naĉo instruas nun Esperanton al pli ol 200 junaj gestudentoj. P.Claramunt kun P.Naĉo gvidas ankaŭ kurson de Esperanto en la paroĥejo "Nuestra Sra. de la Consolación" al 42 personoj, kelkaj el ili instruistoj, aliaj universitatanoj. Ambaŭ partoprenis la Universalan Kongreson pasintjare en Kubo.

Ni gratulas ilin, kaj esperas, ke ili, tiel nostalgie parolantaj pri nia "Boletin", verkos artikoleton okaze de la TRICENTA NUMERO de nia gazeto, por esprimi al niaj legantoj kion ili sentas je la ricevo de nia bulteno.

Antaŭdankon, kaj ĉiam antaŭen!!

***** ***** *****

ALVOKO DE LA PREZIDANTO DE HEJS.-

Al ĉiuj gejunuloj de Iberujo.

Karuloj: intence helpi solvi la misfunkciadon de la ŝtata junulara E-movado, kiu bedaŭrinde superregis dum la pasintaj jaroj, kaj cele starigi kaj aranĝi efikajn ilojn kiuj definitive ebligu veran kunlaboradon inter ĉiuj gejunuloj de la iberiaj landoj, oni aranĝos Iberian Renkontiĝon en Valencio la venontan Sanktan Semajnon sub la ĉefa organizado de niaj samideanoj de "Juna Suno" kaj kunlaborado de aliaj iberiaj landaj asocioj.

Baldaŭ oni sciigos la provizoran programon de tiu tendara renkontiĝo, sed certe, krom kutima diboĉado, preskaŭ senpaga restado kaj amikeca etoso ankaŭ okazos Ĝenerala Asembleo de HEJS kaj tiam ni devos findecidi pri nia estonteco, ĉar laŭ mia kompreno, la ĝisnuna situacio ne plu elteneblas.

Kompreneble estus konvena, ke la partopreno de gejunuloj el pluraj asocioj estus kiel eble plej multenombra. Nur tiel la decidoj efikos.

Krome kaj feliĉe, post du/tri jaroj en silento, ni sukcesis aperigi denove HEJS-JUNECO-n. Tiamaniere, mi esperas ke vi ĉiuj profitu ĝin por esprimi viajn pensojn, sugestojn, plendojn, ktp.

Mi espere atendas vian komprenon kaj sekve viajn reagojn

Iñaki Gauna
Prezidanto de HEJS.

# Viglas nia movado

STRATO "ESPERANTISTA ENRIQUE ARNAU"EN CHESTE.-



La 15an de Januaro 1989a forpasis en Cheste la bonega esperantisto, modelo por ni ĉiuj, Enrique Arnau Prosper. Li esperantistiĝis en 1948,kaj lia instruisto estis la ankaŭ fama kaj elstara esperantisto Francisco Máñez, kiu enkondukis la internacian lingvon en Cheste en 1908.

Enrique Arnau havis aktivan vivon en la esperantista mondo. Li partoprenis sian unuan kongreson en 1951a kaj de tiam li komencis instrui E-on al la ĉestanoj daŭrigante la laboron de Máñez.

La ĉefa merito de Enrique estas ke li, simpla kamparano, kiel Máñez, estis kapabla lernigi Esperanton al granda amaso da personoj, tiel en la urbo Cheste, kiel en la Labora Universitato kaj en la vilaĝo Buñol. Li ne nur instruis E-on, sed aktive partoprenis la kongresojn ekde 1951, entuziasmigis la ĉestanojn kaj montris al ĉiuj, ke pere de E-o oni povas starigi internaciajn amikajn rilatojn kun personoj de aliaj landoj kaj kulturoj. Enrique Arnau kaj "liaj ĉestanoj" estis dum multaj jaroj la animo de la kongresoj de HEF.

Krom la aktivado en la Esperanta Movado, li aktive laboris kiel membro de la Asocio de Kamparanoj kaj Bredistoj kaj grava kunlaboranto de la teatra grupo "Gest", ankaŭ en la "Falla de la Kvartalo de la Alegria" kiel desegnisto de la tronoj. En unu vorto, li ĉiam laboris senlace kaj sindoneme en ĉio kio estis kulturo en Cheste. Pro tio, la tuta urbo omaĝos lin, donante lian nomon al strato:"Esperantista Enrique Arnau" la 3an de Februaro 1991a.

Li ĉiam estos rememorata de la ĉestanoj, kiuj, esperantistoj aŭ ne, kiam iu demandis pri Arnau ĉiam respondis "ha, jes, la esperantisto". Do, ne ne nur la tuta popolo Cheste devas partopreni la omaĝon. Ni, la esperantistoj, devas esti tie la 1an/2an/3an de Februaro, por montri al la ĉestanoj,ke ankaŭ ni rekonas la meritojn de niaj samideanoj.

Augusto.

***** ***** *****

# "MEDITERRANEO" de J.M. Serrat



Antaú du, tri jaroj, la konata nokta programo de C.Pumares "Polvo de estrellas" en radio "Antena-3" okazigis voĉdonadon ĉe sia aŭskultantaro por difini la 50 plej belajn kanzonojn de la 20-a jarcento. El inter la malmultaj hispanlingvaj fine elektitaj, situis honoraloke "Mediterráneo", de J.M. Serrat, verkita eble antaú 15-20 jaroj. Ĝi prezentas idealisman amon al Mediteranea maro kaj, kvankam Serrat verkis dum la 80-aj jaroj la antitezan "Plany al mar" (en "Fa 20 anys que tinc 20 anys"), kies teksto frape konstatas la mizeran staton de la Mare Nostrum, la bela primitiva "Mediterráneo" restas plene valida. Tial mi tradukis ĝin.

Mi ŝanĝis rimo-skemon de la unua sesversa strofo por akordigi ĝin kun la dua. Aldone, mi lasis blankaj la du komencajn versojn de ĉiu okversa strofo, ĉar la originalo ne kohere rimigas ilin, krom en la kvara okverso. Oni tradukas ne vortojn, sed ideojn. Tial la traduko mem estas iom libera. La linvaĵo estu klara en populara kanzono. La sola vorto iom ĝena en la originalo estas "genista" (E-e: genisto) multe pli konata sub la nomo "retama". Tial mi iom ŝanĝis la enhavon de tiu verso. Kaj simile en aliaj lokoj. Mi atentis ne la vortajn, sed la kanzonajn akcentojn.

Jen la traduko, kiun mi proponos al katalunaj kantistoj Xavier kaj Pep, kiam ili (finfine!) "degnos" viziti Zaragozon. Ĝis tiam:

Quizá porque mi niñez
sigue jugando en tu playa
y escondido tras las cañas
duerme mi primer amor,
llevo tu luz y tu olor
por cualquiera que vaya
y amontonado en tu arena
guardo amor, juegos y penas.

Yo,
que en la piel tengo el sabor
amargo del llanto eterno
que han vertido en ti cien pueblos,
de Algeciras a Estambul,

Eble ĉar infana mi
daúre viastrande ludas,
eble ĉar la am' unua
en kanejo dormas nun,
tial do via parfum'
min akompanas alglua,
tial do ĉe via bordo
restas ludo, am' kaj zorgo.

Mi,
kies haúto gustas jam
l' akran ploron enverŝitan
de popoloj cent en maron
-Ĝibraltar' ĝis Istanbul'-

para que pintes de azul
tus largas noches de invierno.
A fuerza de desventuras
tu alma es profunda y oscura.

(A) tus atardeceres rojos
se acostumbraron mis ojos
como el recodo al camino.
Soy cantor, soy embustero,
me gusta el juego y el vino,
tengo el alma de marinero.

Qué le voy a hacer, si yo
nací en el Mediterráneo (x2)

Y te acercas y te vas
despues de besar mi aldea
jugando con la marea
te vas pensando en volver:
eres como una mujer
perfumadita de brea
que se añora y que se quiere,
que se conoce y se teme.

¡Ay!
Si un dia para mi mal
viene a buscarme la Parca,
empujad al mar mi barca
con un levante otoñal
y dejad que el temporal
desguace sus alas blancas,
y a mi, enterradme sin duelo
entre la playa y el cielo.

En la ladera de un monte
mas alto que el horizonte:
quiero tener buena vista.
Mi cuerpo será camino,
le daré verde a los pinos
y amarillo a la genista.

Cerca del mar, porque yo
nací en el Mediterráneo (x3)
Laylayla...

por ke venku la lazur'
la vintro-noktan vualon.
Ofta misfortun' dolora
igis vin profundakora.

Alkutimiĝis l' okuloj
al ruĝaj krepusko-luloj
samkiel lontan' al disto.
Kantas mi se l' vino bonas,
ludemas kaj fanfaronas
kun koro de navigisto.

Sed ĉe la mar', ĉar min,
min lulis Mediteraneo (x2)

Vi alvenas kun petol'
la vilaĝon flirte kisi,
sed vi, post momenta kuno,
ludas re kaj re sen fin'
kvazaŭ estus vi virin'
en rava gudra parfumo
kaj alloga kaj amika
kaj ĉiama kaj timiga.

Ve!
Kiam tagon de fatal'
venos preni min la Morto,
fratoj, ĉe aŭtuna vento
trancu ŝnuron sen dolor',
ke disrompu kun sonor'
mian boaton tempesto
kaj sepultu min fidele
apud-mare al-ĉiele.

En dekliv' de spino-monto,
pli alte ol horizonto
por vidi la mar-ebenon.
Korpo ludos sinfonion:
verdigos mi la pinon,
bluigos la rosmarenon.

ĉiam ĉe l' mar', ĉar min,
min lulis Mediteraneo (x3)
Lajlajla...

Antonio Valen.

# Poezio hispana-araba

LA TAJFO-REGNO MURCIO.-

*En antaŭaj artikoloj publikigitaj en"Kajeroj el la Sudo" aŭ "Boletin", mi aperigis en Esperanto poemojn hispanajn -arabajn de la okcidento kaj centro de Al-Andalus, hodiaŭ, kaj eble en venontaj sinsekvaj artikoloj, mi reproduktos kelkajn el tiuj poemoj verkitaj dum tiu difinita epoko en la orienthispanaj tajfo-regnoj: Murcio, Valencio kaj Aragono.*

*Rilate Murcion, ni diru, ke tuj post la regado umaja, tiu regiono fariĝas iom post iom grava kultura fokuso de Al-Andalus. Certe, ne tiel fama kiel tiu de la Sevil-jo de Mutamid, kie la abundo de poetoj kaj intelektuloj ebligis intelektan aktivadon kune kun paralelaj poeziaj festoj apud aŭ sur rivero Gvadalkiviro, kiuj mirigis la vizitantojn, sed Murcio akiras serioze kaj firme unuarangan elstarecon dank' al la personeco de siaj filoj, el kiuj ni menciu unualoke la brilan intelektulon Abu Bakr Muhammad ibn Arabi (1164-1240).*

*Naskiĝinta en Murcio kaj konata sub la nomo "Muhyi al-Din"= viviganto de la religio, tiu ĉi homo, aŭtoro de pli ol 400 gravaj verkoj, kreis tute originalan teorion pri la muzulmana mistikismo. Laŭ liaj biografoj, temis pri homo tre scivolema kaj vigla, kiu, suficê mistikema, frue sin inklinis al la sufismaj (1) doktrinoj kaj interrilatiĝis kun homoj el tiuj tendencoj kaj kredo. Lia intensa laboro kiel verkisto ne bremsis lian scivolemon persone esplori ĉiujn branĉojn de la scio kaj de la reala vivo. Li vizitis, unue, la plej gravajn urbojn de Al-Andalus, poste aliajn en Nord-Afriko kaj fine vojaĝis al Mez-Oriento, loĝante kelkajn jarojn en Mekko kaj diversajn arabiajn urbojn, ĝis definitiva translokiĝo al Damasko, kie li forpasis en 1240. Grandparte el liaj verkoj perdiĝis, tamen ankoraŭ restas kelkaj suficê gravaj, inter ili kolekto da biografioj pri sanktemaj andaluzoj kaj precipe du verkoj: "Al Futûhât"(Riveloj),kaj "Fusûs al hikam" (La scio de la Profetoj). Tiu ĉi lasta sendube la plej komentita el ĉiuj liaj verkitaj libroj, ĉar oni konside-*

*ras ĝin lia spirita testamento kaj plej grava elmontro de lia kosmologio, t.e. lia propra idearo...*

*Sub la ombro de tiu intelekta giganto ankaŭ vivis dum tiu epoko bonaj poetoj. Ni menciu unue la murcianon Ahmad ibn Waddah al-Buqayra (m.1135) aŭtoro de belaj poemoj, inter aliaj "La Pafarko". Alia grava poeto naskiĝinta kaj vivinta en Murcio estis Ben Muchbar (m.1191), aŭtoro de filozofiemaj poemoj, kiel "La nigra botelo" al kiu apartenas jenaj versoj:*

*Antaŭ miaj kunmanĝantoj*
*emfazis mi, senmezure,*
*mian plendon al la faro*
*pri botelo pervelure*
*vestita per nigra masko:*
*ĝi devis montri plezure*
*la vinsunon en lumklaroj,*
*sed faris ĝin nigrobskure...*

*Botelo, kies koloro*
*baras la lumon el vino*
*similas envian koron*
*kontraŭan sian destinon, ktp.*

*Sed plej brila poeto de tiu epoko en la Murcia tajfo-regno estis Safwan ibn Idris (1165-1202), aŭtoro de tiu ĉi bela poemo:*

*"PRIAMAJ SCENOJ"*

*Kiom bela ŝi aspektas!*
*Kaj tamen tiu beleco*
*apenaŭ trafe prezentas*
*de ŝia belo parteton:*
*Ne ekzistas sorĉ' pli reva*
*ne pli loga mov-kadenco*
*ol tiu ŝia, tentema*
*de priamaj deziregoj...*

*Ŝi belas kiel lunlumo*
*kun tia ĉarma aspekto,*
*ke eĉ lun' sur la spegulo*
*volus konfesi la senton*
*simili ŝin aŭ la lumon*
*de ŝiaj puraj reflektoj!*

*Sur ŝia blanka vizaĝo*
*kaprica vangonevuso*
*puktumas kvazaŭ sur paĝo...*
*kaj ŝiaj tempiaj bukloj*
*skribas sur la belaj vangoj*
*vortojn de ŝiaj amĵuroj.*

*Iam, mi ŝin akompanis*
*kiam alvenis la nokto*
*kaj ŝiaj spiroj min ravis*
*ardaj de pasi' la koroj...*
*Mi, kontraŭ mi ŝin premadis*
*kiel avarul' trezoron*
*preta ĉion akapari*
*per sia avid-fervoro.*

.-...

*Premita per miaj brakoj,*
*fortaj kiel dikaj kordoj,*
*ĉar ŝi emas foreskapon*
*kiel gazel' aŭ leporo,*
*mi, kun ĉasta embaraso*
*bremsis mian fortan volon*
*kisi ŝin kun ama ardo!*

*Mi sentis bruli la koron*
*kaŝita en ŝiaj braĝoj!*
*Imagu soifan homon*
*kaj tamen havanta l' akvon*
*tutproksima al la gorĝo*
*sen la plezur' al trinkado.*
*.....                    .....*

*Kiom bela ŝi aspektas!*
*Kiom loga ŝia ravo!*

*Safwan ibn Idris, el Murcio, ankaŭ estis aŭtoro de lirika antologio kaj de ideraro emfazanta la platonan amon.*

*Antonio Marco Botella*

*****                    *****                    *****

*(1) Sufismo: mistika doktrino de muzulmanoj tute kontraŭa al la tendencoj de la tradicia islamismo. En la Korano estas raraj la stimuloj al la mistika vivo, kaj same tre malabundaj la laŭdoj al la kristana monaĥismo. La praktika sinteno de la adeptoj de la sufismo konsistas en la forlaso de la mondo kaj la soleca pentovivado. Fakte, doktrino simila al la okcidenta monahismo. A.M.B.*

*****                    *****                    *****

NEKROLOGOJ.- Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de nia samideano Arquimedes Ballester, eksprezidanto de Madrida Esperanto-Liceo kaj efika aktivinto por nia afero en la diversaj urboj kie li loĝis. Samideano A. Ballester apartenis al Valencia familio tradicie esperantista, unu el ili, lia onklo-avo Manuel Caplliure Ballester, aŭtoro de tre bona gramatiko-vortaro (1933), profesoro de Esperanto en la Valencia Universitato kaj Prezidanto de HEF (1950).

Al la filino de la forpasinto, Alicia, kaj al la bofilo Augusto Casquero, ni, la Redakcio de "Boletin" esprimas nian kondolencon!

Ni ankaŭ sciis pri la forpaso de niaj membroj Agustin Boix Bernat, Josep Rofes Mestres, Joaquim Figueres Bartolomé, Laura Boronat Cortés kaj Dolores Izal (patrino de la Direktoro de Hispana Esperanto-Muzeo).

Ni esprimas al la familianoj de niaj forpasintoj nian kondolencon!

***** *                    *****                    *****

NOTO DE PROF. REGULO PEREZ.- Nia kara Prof. Régulo Pérez sendis al tiu ĉi Redaktejo noton por oportuna disvastigo per nia gazeto, indikantan al siaj amikoj kaj samideanoj kiuj skribis al li, sian absolutan malkapablon respondi al ili. Li petas do senkulpigon, sed fakte estas ja lia delikata farto kiu vere malhelpas al li respondi eĉ unu el tiuj leteroj. Li tutkore dankas pro tiu granda elmontro de alta estimo al li. Dankon!

## Originala poezio

### VI VENAS.-



Vi venas el la nokto
sub la brilo mistera de la luno
kaj la ĉambro fariĝas kvazaŭ templo.

Virin' nebula, vi
alflanken venas de la hom' rompita
dum mi baraktas kontraŭ sonĝoj monstraj.

Kaj via dolĉa veno
ĉe l'piedo de la lito torturanta
balzamas mian koron senesperan.

Tenere via voĉo
susuras vortojn varmajn, karesantajn,
kaj vidas mi, ke viaj blankaj manoj

oran broĉon malnodas
kaj la klamido silka milde glitas
silente karesanta vian korpon.

La manojn mi etendas
por fingretuŝi vian ventron nudan
kaj teni rondojn de la ronda sino,

kaj tiam vi forsvenas
en la fundo senforma de la ĉambro,
en malproksimo de la nokt' arĝenta.

Kaj miaj povraj manoj
sin perdas en l'aero sufokanta
serĉante vane vian korpon klaran.

Ĉar vi havas vizaĝon,
vi kantas, ridas, vibras en ĉi mondo,
sed nur en sonĝoj kaj en noktomezo

vi venas mian ĉambron
por kompate vivigi mian vivon,
ĉi vivon tenebrozan de la sonĝoj.

JES.

***** ***** *****

## Interesaj tradukoj

# "ESPERO"

Kiam venos mia lasta vivmomento
kaj la brusto faros sian spiron lastan,
oni min envolvu en blanka tolaĵo
sen pompaj vestoj kaj ornamaĵoj vanaj.

Al Ter' mi volas iri, kia mi venis,
kaj iri al Juĝo neniel kovrite,
sed iri kun miaj bonaj faroj
kaj la memor' plaĉa de miaj amantoj.

Mi volas ke oni portu mian korpon
matene kaj ke nure min akompanu
tiuj tre malmultaj (se iu plu restas)
kiuj per amikeco min honoradis.

Kondukad' malriĉa; sed de humilulo,
kaj poste...en Teron! la patrin' beninda,
kie ĉio viva ŝanĝiĝas kaj mortas,
kie ĉio mortinta fine renaskiĝas.

Ajna anguleto, silenta, malluma,
kun glata ŝtonplato kaj juna saliko,
kie la insektoj skulptas papiliojn
kaj konstruas nestojn la kantemaj birdoj.

Poste...paco, soleco, silent',forgeso,
ĥemio aganta laŭ leĝoj eternaj...
kaj, ke marĝene de la glata ŝtonplato
oni ameme gravuru aŭ enĉizu
la vorton "ESPERO", kiel lastan preĝon
de miaj emocioj spirite altaj.

M.Marco S. (1)
(28/8/1938)

Tradukis el la hispana:
Salvador Gumá

***** ***** *****

(1) La aŭtoro tiam estis soldato (dum la hispana intercivitana milito). Li donis la poemeton al mi du tagojn antaŭ ol ekveturi al fronto apud rivero Ebro, kie tuj okazis la konata makabra batalo. Li estis el urbo Valencia. Ĉu li vivas?
S.G.C.

# SELEKTITA LISTO DE LIBROJ MENDEBLAJ ĈE LIBRO-SERVO DE H.E.F

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|

## Hispanlingvaj lernolibroj

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|
| Aeiou de la internacia lingvo | J. Añó | 60 | 600 |
| Curso de Esperanto | Método Bilbao | 50 | 300 |
| Curso práctico elemental de E-o | F. Navarro | 130 | 600 |
| Esperanto al alcance de todos | F. Soler | 113 | 900 |
| Esperanto, una lengua para todos | F. Zaragoza | 58 | 250 |
| Parolu E-on | F. J. Arroyo | 47 | 550 |

## Hispanlingvaj vortaroj

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|
| Lexicón Sopena | J. Paluzie | 383 | 595 |
| Vocavulario Español-Esperanto | E.Tudela | 527 | 480 |

## Esperantlingvaj lernolibroj

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|
| Ĉu vi parolas tendare? | R. Corsetti | 91 | 360 |
| Ellernu | F. Szilagyi | 121 | 1.025 |
| Esperanto aŭtodidakte | A. Childs Mee | 234 | 1.480 |
| Esperanto Junulkurso kun hispanlingva suplemento | SAT-amikaro | 91 | 950 |
| Esperanto por infanoj | G. Solomon | 68 | 225 |
| Gramatika demandaro resuma | J. Baghy | 44 | 380 |
| Paŝoj al plena posedo | W. Auld | 290 | 1.250 |
| Plena analiza gramatiko de Esperanto | K. Kalocsay | 599 | 3.075 |
| Privilegia vojo | V. Setälä | 128 | 550 |

## Esperantlingvaj vortaroj

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|
| Praktika bildvortaro | | 96 | 750 |
| Oportuna vortaro de ordinara Esperanto | V. Setälä | 96 | 575 |
| Plena ilustrita vortaro de Esperanto | G. Waringhien | 1.395 | 7.454 |
| Plena vortaro de Esperanto | G. Waringhien | 576 | 1.675 |
| Suplemento de Plena Ilustrita Vortaro | G. Waringhien | 48 | 600 |

## Legolibroj

| TITOLO | AUTORO | PAĜOJ | P-TOJ |
|---|---|---|---|
| Amuza legolibro en Esperanto | Lienhardt | 216 | 1.050 |
| Baza legolibro por komencantoj | Benczik | 178 | 825 |
| Estonto dependas de ni, La | S. Chaves | 100 | 380 |
| Faktoj kaj fantazioj | M. Boulton | 431 | 2.195 |
| Joĉjo | E. Otto | 98 | 480 |
| Karlo | E. Privat | 45 | 135 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Legolibro por kursanoj | O. Tangerud | 56 | 500 |
| Legu kaj ridu | K. Schmidtt | 88 | 275 |
| Libera ekflugo | S. Chaves | 167 | 560 |
| Tridek roluloj | S. Mac Gill | 72 | 530 |
| Verda koro, La | J. Baghy | 104 | 715 |

Biografioj

| | | | |
|---|---|---|---|
| El la vivo de Ludoviko Zamenhof | G. Henriksson | - | 135 |
| Kredo, floroj, dinamito | E. Olsson | 79 | 480 |
| Vivo de Zamenhof | E. Privat | 133 | 975 |
| Zamenhof, aŭtoro de Esperanto | M. Boulton | 265 | 2.200 |
| Zamenhof bildrakonte | Tilleux | - | 875 |

NOTOJ

Listo de ĉiu titolo kaj esperantaĵo mendebla aperas en la libro-katalogo, regule aperinta. Se vi deziras ricevi senpagan ekzempleron, skribu al jena adreso:

LIBROSERVO DE H.E.F
Apartado, 119
47080 Valladolid

Ni plenumas tuj ĉiun mendon,
laŭ la disponebla stoko,
kontraŭ remburso.

## Komputado por la Esperanta Movado



Ĉu vi havas komputilon? Ĉu interesas vin la temo "Komputado por la Esperanta Movado? Nu, HEF intencas aranĝi seminarion por esplori tiun fruktodonan terenon de la moderna komunikado. Necesas do, ke vi informu la organizan laborteamon pri viaj eventualaj bezonoj kaj/aŭ solvoj cele al pretigo de baza dokumento por diskutado en tiu **1-a Seminario de HEF**. Sendu tuj viajn reagojn al "Seminario pri komputado / Apartado 2.240 / 39080 Santander", aŭ telefonu al 942- 260058. Oni kontaktos rekte ĉiun interesiton.

LIBRO-SERVO DE HEF.- Kiel nova servo por niaj klientoj kaj amikoj, ekzistas la ebleco aliĝi al HEF kaj UEA kaj pagi la abonon por 1991ª al unu el la jenaj periodaĵoj: "Esperanto","Kontakto","Heroldo de Esperanto","Monato", "Espero Katolika","Hungara Vivo","Bulgara Esperantisto" pere de Libro-Servo de HEF.

Nepra kondiĉo por povi uzi tiun servon estas fari mendon de libroj kaj/aú esperantaĵoj pagotaj remburse.

Novan katalogon ni preparas kaj ni sendos ĝin al ĉiu kiu mendos ekzempleron.

